# INTERNACIA ĴURNALISTO



JARO IX, SOFIA — BULGARIO
JULIO—SEPTEMBRO 1965, № 3

ORGANO DE TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO (TEĴA)


## GRAVAJ INTERNACIAJ ESPERANTO-MANIFESTACIOJ

### Eŭropa Esperanto-Konferenco 1965



Tokio—japana nacistila arkitekturo

*Ĉar Tokio-la Urbo da la 50-a Universala Kongreso de Esperanto estis tro malproksime kaj la vojaĝkostoj-grandegaj, antaŭ la Kongreso UEA organizis Eŭropan Esperanto-Konferencon, kiun partoprenis ĉirkaŭ 500 konferencanoj el 22 nacioj. La Konferenco pasis fruktodone. Pro foresto de estraranoj de TEJA, en Vieno ne okazis nia faka fakkunveno. La Konferenco akceptis Rezolucion, per kiu oni „Alvokas la registarojn de la Eŭropaj ŝtatoj kaj la kompetentajn eŭropajn instituciojn dediĉi sian atenton al la lingva problemo en Eŭropo kaj objektive esplori la eblecojn de la Internacia Lingvo Esperanto kaj la utilon, kiun prezentas la generaligo de ĝia uzo en la internaciaj rilatoj de la eŭropaj popoloj".*

### 50-a Universala Kongreso de Esperanto en Tokio, Japanio

*Malgraŭ la malproksimeco ĉirkaŭ 500 kongresanoj vizitis Tokion. Per siaj kunsidoj, ekskursoj, kulturaj kaj aliaj programeroj, la Tokia Kongreso estis plensukcesa. Ankaŭ en Tokio ne povis okazi TEĴA-kunveno. Tion en pli granda skalo ni faros en Budapeŝto venontjare. La Kongreso akceptis Rezolucion por la Unuiĝintaj Nacioj, per kiu ĝi altiras la atenton de la U N al la fakto pri la lingva diverseco-plej grava obstaklo al la kunlaborado inter la popoloj kaj ke estas necese U N pristudi tiun gravan problemon konekse la utilon de Esperanto tiurilate.*

## ANKORAŬFOJE PRI LA STENOGRAFIO

En „I. ĵ.", n-ro 4/1964, sur pĝ. 6 en „Libera Tribuno" kaj en „Nia posto" aperas mia nomo konekse kun aludoj pri artikolo, aperinta en „I. ĵ". n-ro 1/1964.

Mi ne scias, kial s-ano L. S. **bedaŭras**, ke mi ne klarigas diferencon inter stenografio kaj rapidskribo. Ja mi ne estas aŭtoro de la artikolo — tiu estas promociita pedagogo Jozef Mistrík, kandidato de sciencoj kaj aŭtoro de multaj stenografiaj lernolibroj por slovakaj ekonomiaj lernejoj. Kaj mi ne scias kial oni **devus** paroli pri rapidskribo, kiam oni parolas pri stenografio kaj ĵurnalisto, same kiel iu, verkante pri kemio, nepre ne devas paroli pri alkemio.

Sed al la temo mem — ĉar ĝi jam estas prezentita:

Aŭtoroj de diversaj stenosistemoj ofte kreadas plurajn „ŝtupojn" de siaj stenografioj. Ordinare la unua ŝtupo estas tiel nomata „rapidskribo" (tute sen mallongigoj kaj sigloj, aŭ nur kun tre malmulte da ili.) Interesaĵo: tiu ŝtupo ne ekzistas ĉe oficialigitaj „unuecaj" tutlandaj sistemoj, kvankam tia **simpligita skribo** servas avantaĝe al ĉiu homo — do ankaŭ al ĵurnalistoj — anstataŭ normala skribo. Dua ŝtupo ordinare estas „koresponda" skribo, taŭga por kancelaria uzado (en la ĉeĥa lingvo 70 vortojn minute, t. e. ĉirkaŭ 150 sillabojn). Ĉi enhavas mallongigojn kaj siglojn, taŭgajn speciale por ekonomio. Tiun ŝtupon kaj la pluajn, kiujn mi mencios ankoraŭ, oni devas trejni pli malpli diligente, por akiri la deziratan rapidecon. La tria ŝtupo — „debata" skribo — kun forta mallongigado — servas por postskribi debatojn en parlamentoj kaj ĉe diversaj kunvenoj (en la ĉeĥa lingvo per tiu ŝtupo oni devas skribi, almenaŭ 110 vortojn, t. e. 230—240 silabojn minute). Inter la koresponda kaj la debata (parlamenta) ŝtupo ekzistas en nia lando la „ĵurnalista" ŝtupo kun rapideco 90 vortojn minute.

La stenografio (kaj eĉ la simpligita skribo) servas al la lingvo mem por fiksi la fluan parolon. Tial al la lingvo devas esti akomodita la strukturo de la stenosistemo. Por ĉiuj lingvoj estis kreitaj jam multaj diversaj stenografioj — tre ofte, speciale en la pasinta jarcento, oni adaptis fremdajn sistemojn al aliaj lingvoj, kaj eĉ nun oni faras tion. Ankaŭ por Esp-o estis multaj sistemoj kreitaj, kaj ankoraŭ pli multaj adaptitaj. Kiun el ili devus elekti esperantisto kaj internaciisto? Jen problemo, pri kiu mi ne kuraĝas konsili al iu.

Mi mem, kaj certe multegaj aliaj gesamideanoj, sciantaj stenografion, lernis jam dum studjaroj iun nacilingvan sistemon por la gepatra lingvo. Kaj poste, dezirante stenografi ankaŭ en Esp-o, oni simple lernas la adapton de tiu nacilingva sistemo por nia lingvo (eble ĉiuj iom gravaj nacilingvaj sistemoj estis jam adaptitaj por Esp-o!). Tiu vojo estas tute natura, ĉar stenografio (eĉ en sia unua ŝtupo, la rapidskribo) ĝenerale ne estas afero facila. Do kial rompi la kapon kaj lerni novan sistemon por Esp-o, se oni jam scias stenografion (aŭ rapidskribon) por la gepatra lingvo, kiu per nemultaj ŝanĝoj povas esti aplikata?

Tia estas la fakto, kiun ne povas forigi klopodoj de multaj gesamideanoj, penantaj formi „internacian" aŭ „univeresalan" stenografion (aŭ rapidskribon), taŭgan por ĉiuj lingvoj. Malantaŭ tiuj klopodoj iam kaŝiĝas nescio pri riĉeco de sonoj, ekzistantaj en diversaj naciaj lingvoj.

Meditante pri formo de rapidskribo (t. e. la simpligita skribo), oni tamen povas preni ian sperton el normala skribo, ekz. la latina. La stenosignoj (same signoj de rapidskriboj) estas ja nur simpligitaj literoj anstataŭ la ĝenerale konvenciaj, nun uzataj por skribi kaj presi. La latina skribo ne havis principe iujn kromsignojn. Nur kiam oni formis skribon por tiu aŭ alia lingvo, estiĝis riĉega sortimento da super- kaj subsignitaj literoj. Kaj vidu: al Zamenhof ne sufiĉis tiu riĉa sortimento kaj li elpensis aliajn supersignitajn literojn, kiajn posedas neniu alia lingvo, kvankam la literoj ĉ, ĝ, ĵ povis esti prenitaj el la ĉeĥa, slovaka, litova, latva kaj estona lingvoj: č, š, ž, kaj laŭ ili povas esti kreitaj la pluaj. Ankaŭ estas rimarkinde, ke la angla lingvo, tiom riĉega je diversaj sonoj, helpas al si ne per kromsignoj, sed per kombinado de literoj. Cetere ankaŭ en aliaj lingvoj tiu metodo estas almenaŭ parte aplikata.

Kaj simila estas la afero ĉe kreado de simpligita skribo (ĉu la fina intenco estas rapidskribo aŭ stenografio, estas apuda afero). Oni devas modifi la substancajn „superstrekon" kaj „malsuperstrekon" kaj kombinadi ĝin kun arketo aŭ banto, k. s. Poste oni elektas ankaŭ diversajn proporciojn kaj

(Daŭrigo p. 3)

EL LA JURNALISTA NOTKAJERO

# EN LA ĈIRKAŬPRENO DE LA PITONO

## 1. Duelo je vivo aŭ morto

Forte ekbatis tambureto, ekaŭdiĝis fajfiloj, kiuj tre similis skotaj sakflutoj, kaj jen sur herbejeton apud nia hotelo enlokiĝis migrantaj serpentdresistoj. Ni sciis, ke en Hindujo estas multaj serpentoj, inter kiuj elstaras la kvinmetre longa reĝa kobro. Sed pri la palma serpento ni sciis nenion kaj ni konsterniĝis antaŭ tiu abomena estaĵo, vekanta kaj admiron, kaj abomenon. La palma serpento ne estas granda — iom pli ol unu metro. Sed ĝi estas brile bunta — la torso estas facile verda, la ventro — hela, la buŝo — ruĝa. La kapo de la reptilio estas kopioforma, forte plategita ambaŭflanke.

La serpentdresisto, volante montri al ni pli bone la serpenton, proksimiĝis al ni, sed la gapantoj detiriĝis, preferante rigardi la laboron de la dresisto de malproksime. Rideto aperis sur la bruna vizaĝo de la serpentdresisto, li ankoraŭfoje rondiris la arenon kun la palma serpento enmane kaj kaŝis sian verdan monstron en la sakon. Post tio li proksimiĝis al siaj kolegoj. Ilia fajfado ĉesiĝis. La dresisto interkonsilis kun ili kaj post iomete oni anoncis la kronan numeron — lukto inter mungo kaj kobro.

La fajfiloj denove aŭdiĝis, la tambureto ekbatis ritme. El ronda plata korbo malrapide leviĝis, iomete balanciĝante, la kobro. Ĝia kapuĉo ŝvelis, la blanka strio, simila je okulvitroj, distingiĝis klara.

Kaj jen okazis io tute ne atendita. La dresisto komencis inciti la serpenton, kaptis ĝin permane je la mezo de la torso. Vidpunkte de la serpentĉasistoj kaj serpentbredistoj li estis subskribita sian propran mordkondamnon. Sed la hindo videble bone sciis la kutimojn de siaj teruraj „edukitoj". Kiam la kobro atakis la manon, li facile demetis ĝin kaj iom detiriĝis. La serpento ekfuriozis. Ĝuste en tiu momento oni elsakigis la mungon. Unu ĝia piedeto estls kunligita per longa ŝnureto. La kapo de la mungo, similis la kapon de ziżelo, ĝiaj okuletoj estis ruĝkoloraj. Ekvidante la serpenton ĝi tuj ĵetis sin en lukto. La gapantoj surpriziĝis kaj regiĝis en atendo.

La korbo sukcesis sin pretigi por defendo kaj atente observis la kontraŭlon. Eĉ plej malgranda eraro kaj la besteto tuj pereus pro la efika veneno. La kobro atakis fulmrapide. La salto de la venena serpento daŭras nur 0,24 sekundojn.

Dum iom da tempo la mungo ĉirkaŭpaŝetis la kobron. La kobro kelkfoje provis ĵeti sin sur sian kontraŭlon, sed la besteto facile forigis la baton. Poste la mungo subite saltis kaj kaptis la kobron je la kolo. Klasika kaptomaniero de serpentĉasisto. Ĝiaj akraj dentoj eniĝis en la serpentan torson. La kobro kruele sin defendis. Sed la lukto ankoraŭ tute ne finiĝis. La kobro ĉirkaŭvolvis la korpeton de la mungo kaj penis sufoki ĝin per la vertebroj de sia muskula torso. Tion la serpento iom sukcesis — ĝi premadis la besteton je la kolo. Sed la besteto ne detiriĝis de la serpento kaj siavice premis la kobron. La mungo estas obstina kaj konsiderema besteto. Ĝi forĵetis la premantajn movojn de la serpento, forte premis ĝin per siaj piedetoj daŭrigante teni la serpentan kolon per siaj fortikaj makzeloj. La kobro komencis malfortiĝi. Ĝiaj lacaj movoj similis malrapidigitan kinostrion. Sed la reptilio estis ankoraŭ danĝera, ĝi povus mordi. La mungo enigis siajn piedetojn en la kolon de la serpento kaj post momento la kapo de la kobro disiĝis de la torso. La besteto merite akiris la venkon. Ĝoje ĝi rapidis forkuri kune kun sia trofeo. Sed la dresisto atentis — li surpaŝis la ŝnureton. Ja li devis rapidi — ĝis la vespero li devis prezenti ankoraŭ kelkajn spektaklojn. Malkaŝe elmontrante sian malkontenton la mungo sin obeis al sia majstro.

(Daŭrigo p. 4)

---

poziciojn rilate al la baza linio. Tamen tiuj ĉiuj eblecoj ne estas senfinaj. Kaj kiel el la tuta materialo elekti la plej konvenajn elementojn, kiujn la internaciistoj trovus plej bonaj? Jen problemo kiel ĉe kreado de internacia lingvo.

La solvo de la problemo de internacia rapidskribo, laŭ mia opinio, ne estas ankoraŭ videbla ĉe niaj horizontoj. Sed estas certe, ke rapidskribo kaj stenografio estas bonaj helpantoj por ĉiu multe skribanta homo, do ankaŭ por ĉiu ĵurnalisto.

Adolf Stanŭra,
Ostravá, Ĉeĥoslovakio

## 2. Ĉu nur la fakiroj estas kuraĝaj . . .

Denove ekfajfis la fajfiloj kaj ekbatis la tambureto. Komenciĝis la dua parto de la spektaklo. Alta hindo kun blanka turbano surkape metis sur siajn manplatojn du grizajn serpentidojn, montrinte ilin al la gapantoj kaj donis la klarigojn:

— Tio estas pitonidoj.

Post tio li eligis el granda korbo la patron de la serpentidoj — unu tre granda pitono. Sub la batoj de la tambureto la fakiro faris per la pitono kelkajn malsimplajn operaciojn — metis ĝin surŝultren kiel grandega pelerino, zonis dufoje sian korpon per la serpento kaj finis la spektaklon, metante la repitilon alten sur sia kapo.

Kiam la aplaŭdoj ĉesis kaj la dresistoj kolektis en fera skatoleto la paperajn rupiojn kaj la etajn monerojn, la fakiro subite proponis:

— Eble iu el la noblaj sinjoroj provos ripeti la fokusojn per la pitono.

La propono trafis nin tute nepretigitaj. La „noblaj sinjoroj" ekrigardis unu la alian ĝene, aŭdiĝis sporada rido. Ĉiuj iĝis nekutime afablaj kaj ĝentile cedis unu al la alia la honoron. Tiam la aŭtoro de tiuj linioj decidis pruvi sian feliĉon kaj prenante de la dresisto la pitonon mallerte ĵetis ĝin transŝultren.

Mi devas tuj konfesi, ke mi tute ne estas tro kuraĝa. Tamen antaŭ kelkaj jaroj, kiam mi verkis mian libron „Pri la venenaj serpentoj", kiun eldonis la Junulara eldonejo en Moskvo, mi dufoje vizitis Mezan Azion por observi la laboron de la serpentĉasistoj. Ja mi havis jam modestan sperton.

La pitonoj estas fortaj serpentoj. Neniu dresisto permesos al pitono ĉirkaŭvolvi lian korpon trifoje la serpentaj ĉirkaŭprenoj la ripoj de la homo povas frakasiĝi. Iuj dresistoj agas tielmaniere: kaptas la pitonon sur la gorĝon kaj se ĝi komencos premi la ripojn ili senkompate premas la serpentan gorĝon. Sed tio estas simple trompo de la publiko.

Tiu pitono ne estis tre granda kaj ne prezentis realan danĝeron. Sed ĝi povis min mordi. La pitonoj havas la kutimon mordi. Iliaj buŝoj havas longajn akrajn dentojn, kun kiuj mi iam havis la okazon konatiĝi.

Sed nun ĉio okazis bonsukcese. La pitono „ĉirkaŭprenis" min sufiĉe forte, sed ankaŭ mi tenis ĝin ne malforte kaj per reciprokaj premadoj ni disiĝis pace kaj amike.

La malbona ekzemplo infektas. En la ĉikaŭprenoj de la pitono sin trovis ankaŭ du moskvoanoj — la inĝeniero Saŝa Lvovskij kaj la geologo Kogarko.

Eksonis alvokanta signalo. Nia buso atendis nin ĉe la hotela pordego. Ni dankis al la serpentdresistoj kaj iris al la buso. Nia ekskurso en la fabela lando Hindujo daŭras.

El la soveta ĵurnalo „Znanie — Sila"
**J. Ieinskij**
Tradukis esperanten **K. Karucin**

---

# Ricevitaj esperantaĵoj

— La sorto de homo — rakonto de la fama soveta verkisto Miĥail Ŝoloĥov, tradukis en Esperanton A. Agosti kaj N. F. Danovskij. Libreto 40-paĝa, eldono de Komisiono pri internaciaj ligoj de sovetaj esperantistoj, Moskva, 1665.

— Kantoj de Sovetaj Komponistoj. 38-paĝa libreto, eldono de Unio de sovetaj societoj de amikeco kaj kulturaj ligoj kun eksteraj landoj. Komisiono pri internaciaj ligoj de sovetaj esperantistoj, Moskvo, 1965. Notiĝitaj 17 kantoj, la plejparto tradukitaj de nia teĵano K. Gusev. Kompilis V. Ostraĵnikova kaj L. Guseva.

— Por la Paco — libreto tria, 38-paĝa, eldono de la supremenciitaj institucioj, Moskva 1965. Enhavas artikolojn kaj versaĵojn pripacajn.

La prezoj kaj adresoj, de kie oni povas ricevi la tri suprenotitajn librojn, ne estas indikitaj.

— STELO — 1963—1965. 54-paĝa libreto, eldonita de Studenta Scienca Rondo de Esperantistoj en Toruń, Pollando. Enhavas priesperantajn kaj pristudentajn materialojn.

— Hungarlando — beleilustrita faldfolia prospekto pri la lando de la 51-a Universala Kongreso de Esperanto. Eldonis Hungara Esperanto-Asocio, Budapest 5, pf. 193.

— Internacia Ĵurnalista Domo en Varna — grandformata libreto riĉeilustrita pri la Int. Ĵurnalista Domo, Eldono de Eldonejo pri literaturo de fremdaj lingvoj, Sofia, 1963.

— Frydek Mistek 700 jara — prospketo pri la malnova urbo en Ĉeĥoslovakio.

— Japana Vespero — la enhavo-programo de la Japana arta Vespero dum la 50-a Universala Kongreso de Esperanto en Tokio 1965.

## SCIIGOJ

### Aĉetu malnovajn jarkolektojn kaj numerojn de „Internacia Ĵurnalisto"

— Ĵurnalistoj kaj aliaj esperantistoj, dezirantaj kompletigi siajn jarkolektojn aŭ ricevi malnovajn jarkolektojn de „Internacia Ĵurnalisto", povas ricevi unuopajn numerojn kontraŭ du respondkuponoj kaj tutan jarkolekton kontraŭ unu usona dolaro aŭ la egalvaloro.

### Retrovita fotoaparato

En la fakkunveno de la Esperanto-redaktoroj en Sofia (dum la 48-a Universala Kongreso de Esperanto 1963) iu el la ĉeestintoj perdis sian fotoaparaton. La aparato jam estas retrovita kaj deklarita ĉe la milico. Ĝia posedanto (el Okcidenta Eŭropo) bonvolu sin turni al la redaktoro de „Internacia ĵurnalisto".

### Novaj membroj de TEĴA

Roland Kubler, 20, Rue du Ruisseau, Rodęren p. Thann (Haut-Rhin), Francio.

## MODELA ĴURNALISTA LABORO

Unu el la plej aktivaj ĵurnalistaj E-grupoj de TEĴA en Bulgario estas la ĵurnalista grupo ĉe E.-societo „Kulturo“ en la granda urbo Plovdiv. Ĝi ĉiam laboras laŭplane. Ĉi-sube ni aperigas ĝian laborplanon.

PERSPEKTIVA LABORPLANO DE LA GRUPO POR LA JARO 1965:

1. Aperigo de artikolo en la loka gazeto pri la subskribo-kolektado. Respondecas Iv. Batakliev.
2. Artikolo aŭ intervjuo pri la sama celo por radio „Plovdiv“. Respondecas Iv.Batakliev.
3. Fragmento el vojaĝimpresoj por „Bulgara Esperantisto“ de Iv. Ŝivarov. Respondecas la aŭtoro.
4. Artikolo „50 raportoj dum 1964“ por „Bulgara Esperantisto“. Respondecas Iv. Ŝivarov.
5. „Kion parolas la fremdlandanoj pri ni“ — eltiraĵoj el la memorlibro de la loka E.-societo. Respondecas Iv. Ŝivarov.
6. Tiel finis nia lernojaro. Respondecas Iv. Ŝivarov.
7. „Niaj ordendistingitoj“, artikolo por „Bulgario“. Respondecas Iv. Ŝivarov.
8. Publikigo por-kaj priesperantaj informaĵoj en la urba gazeto „Oteĉestven glas“. Respondecas Kr. Sofroniev.
9. „La unua viva gazeto en Plovdiv“. Respondecas Kr. Sofroniev.
10. „La esperantista gazetaro en Plovdiv“. Respondecas Sofroniev.
11. „La belodoro de la rozoj“ — raportaĵo. Respondecas Iv. Ŝivarov.
12. „Nia vojaĝo de paco“ — raportaĵo por revuo „Paco“. Respondecas Iv. Ŝivarov.
13. Utiligo de la informmaterialoj de la „Gazetara Servo“ de UEA por la loka gazetaro. Respondecas Sofroniev.
14. „Niaj eksterlandaj gastoj“ — artikolo de At. Sejkov. Respondecas la aŭtoro.
15. Sendado regule de informaĵoj pri la E.-vivo en Plovdiv por „Bulgara Esperantisto“. Respondecas Iv. Ŝivarov.
16. Preparo de priesperantaj informaĵoj por Radio-Sofia. Respondecas Ŝivarov, Sofroniev, Ajaĉkova, Sejkov, Batakliev, Ŝopov.
17. Intervjuo kun la plovdiva ordendistingito kaj E.-pioniro Penko Stoev pri liaj renkontoj kun Zamenhof kaj aliaj pioniroj. Respondecas Ŝivarov.
18. Intervjuo kun la plovdiva ordendistingito kaj E. - pioniro Dimitr Malĉev pri lia E. eldonlaboro. Respondecas At. Sejkov.
19. La agado de la junaj esperantistoj en Plovdiv. Respondecas Sejkov.
20. Referato „Miaj internaciaj korespondantoj“. Respondecas Ŝivarov.
21. „La valoro de la mono“ — originala rakonto en Esperanto de Iv. Ŝivarov kaj ĝia pridiskuto en la E.-societo. Respondecas Ŝivarov.
22. „La mondpaca E. — movado“. Raporto de Iv. Sivarov.
23. Artikolo „La batalo por paco kaj la perspektivoj de la socialisma revolucio“. Respondecas Iv. Ŝivarov.
24. Regula preparo de murgazetoj pri la E.-vivo en la lando kaj eksterlando. Respondecas redakta komitato: Sofroniev, Batakliev, Sejkov.
25. Starigo de regula kontakto de la ĵurnalista Esperanto-grupo kun la profesia ĵurnalista societo en Plovdiv. Respondecas Ŝivarov kaj Sofroniev.
26. Regula kontakto ankaŭ kun la estrarano de TEĴA kaj redaktoro Iv. Esperov.

Respondeculo de la grupo
**Iv. Ŝivarov**

---

## ANKORAŬFOJE PRI NIA PRESSERVA AGENTEJO

Kara redaktoro!

Kun granda plezuro mi tralegis la artikolon de N. Danovskij „Kodeko-Etapo“ en n-ro 1 de „Int. Ĵ-sto“.

La aŭtoro estas prava: „Esperanto ne bezonas ajnan agnoskon aŭ benon. „Sed tio ĉi signifas, ke ni-esperantistoj, nun devas mem agi pli fruktodone. Ankaŭ altiro al nia movado de ajna aŭtoritato tute ne estas superflua.

Vere, ni davas altrudi Esperanton al la mondo.

Sed por konkeri, ekzemple, ĵurnalaron ni devas havi modelan presservan agentejon, kiu liverus al la ĵurnaloj de la mondo tian informaĵaron, kian ili neniel povus akiri per la naciaj agentejoj.

De praktika vidpunkto estas tre grava, se iu nacia Esperanto-Centro donus konkretajn taskojn pri tio al unuopuloj. Jen, mi volonte helpus al „Kodeko“, sed kiel? Kion mi povas fari?

Amike via Jakov Vlasov, Ŝadrisk, USSR.

**Rimarko de redakcio: Ni aperigas la leteron de s-ano Vlasov pro la grava demando, kiun li starigas. La demando estas diskutenda. La redakcio atendas aliajn opiniojn, sugestojn aŭ proponojn tiel pri tiu, kiel ankaŭ pri aliaj gravaj demandoj de nia TEĴA-laboro. Ilian ni aperigos sub la supremetita rubriko. Ĝis la 51-a Universala Kongreso de Esp. en Budapeŝto ni devas anticipe pridiskuti ĉiujn problemojn de nia TEĴA-afero.**

## TRA LA GAZETARO

Kion skribi pri Esperanto kaj la movado al la gazetaro? Al tiu grava demando provas respondi „The British Esperantist" en n-ro 708/1965 j. La aŭtoro de la artikoleto „Kion skribi?" — Jovolo respondas jene:

„Unue, eble averto estas pli grava pri tio kion oni ne skribu. Ne skribu nekontroleblajn ciferojn. Ne troigu la facilecon de la lerno de Esperanto. Skribu ĉiuokaze nur, ke oni povas pli facile lerni Esperanton ol aliajn lingvojn. Tio estas vera kaj kontrolebla. Skribu pri Esperanto rilate al la vivo. Skribu pri la propra sperto, pri tio kio donacis al ni Esperanto."

La aŭtoro donas praktikajn temojn, pri kiuj oni povas skribi al la gazetaro: ferio kaj vizito de Esperanto-kongreso en eksterlando, plifaciligo de Esperanto en la lerno de aliaj lingvoj k. a. kaj ĉiam oni evitu troigon pri ĉiu temo, ĝenerale skribu mallongajn leterojn. Utila estas la propono de la aŭtoro:

„Rilate al grupoj (esperantistaj-rim. de „I. J.") bone estas elekti unu membron kies tasko estas raporti pri la kunvenoj de la grupo regule al la loka (j) gazeto (j). Donu kelkajn detalojn pri interesa prelego kiun oni faris en la grupo.

Ĉiuokaze provu rilatigi viajn leterojn al homaj, homecaj, ĉiutagaj realaĵoj.

Kion skribi? Kion vi, leganto, opinias?"

— konklude demandas Jovolo.

Kompreneble, estus utile se la kunlaboranto de la gazetaro tradukus nacilingven interesajn materialojn el aliaj esperantistaj gazetoj kaj speciale la informojn de la Gazetara Servo de UEA, proponante ilin al la lokaj gazetoj. Ĉiuokaze, tamen, Jovolo estas prava asertante, ke en siaj kontribuaĵoj al la landa kaj loka nacilingva gazetaro oni tuŝu la konkretan utilon de Esperanto kaj ne laŭdu la bonegajn kvalitojn (aŭ faru tion tre atente) de la Internacia Lingvo. La faktoj parolas kaj konvinkigas per si mem.

La redakcio de Internacia Ĵurnalisto atendas la aŭtoron, kiu pli detale respondos al la demando: kion kaj kiel skribi?

## *NIAJ KOLEGOJ—ESPERANTISTAJ AKTIVULOJ*

*— En Plovdiv — Bulgario — estis elektita Distrikta Esperanto-Komitato. Por ĝia prezidanto estis elektita nia TEJA-aktivulo Ivan Ŝivarov. La komitato komencis eldoni „Informan Bultenon" — stencilitan. Pri ĝia redaktado prizorgas niaj tejanoj.*

*— En la Ĉeĥoslovaka Esperanta-Komitato (la nova E-gvidorgano en CSSR) nia komitatano I. V. Zednik estas nomita respondeculo por la ĵurnalistaj aferoj.*

*— Nia redaktoro Ivan Esperov prelegis en la klubejo de la sofia Esperanto-societo pri sia vojaĝo en Israelo.*

*— La reprezentanto de TEJA en Izraelo s-ano Oskar Berman pagis 5-oblan membrokotizon. Kiel bona inicianto oni povas konsideri lin kiel dumvivan membon de TEĴA.*

*— Nia bulgara kolego Asen Grigorov-redaktoro de la E-revuo „Bulgario", partoprenis la unuan Esperanto-tendaron en Uzbeklando (Sovetunio) dum aŭgusto. Tie li prelegis je temo „Pri la bulgara folkloro kaj kulturo„. Impresoj pri lia vojaĝo aperas en „Bulgario".*

## NOVAĴOJ

### S-ro Franz Jonas—Prezidanto de la Aŭstria Respubliko

— La urbestro de Vieno kaj malnova multmeritita esperantisto s-ro Franz Jonas estis elektita prezidanto de Aŭstria Respubliko.

### Esperanto en la gazetaro

— La litova ĵurnalo „Kulturos Baraj" (Kulturkampoj), aperanta en Litovio, URSS, enkondukis konstantan Esperanto-anguleton.

— La taggazeto „Der Morgen", aperanta en Germanio (GDR), komencis kurson de Esperanto.

### FIAT uzas la Internacian Lingvon

FIAT-uzinoj en Italio eldonis en Esperanto kolorbilda prospekto pri siaj produktoj kaj fabrikoj. FIAT eldonis ankaŭ kolorfilmon kun E-sonoro pri la lasta sia aŭtomobilo modelo „850".

## NIA POŜTO

— Roland Kubler, Roderen p. Thann, Francio. Dankon por la salutoj. La sendaĵon ni ricevis. Vi estas enskribita kiel membro de TEĴA kategorio B. La organon vi recevos regule.

— Jakov Vlasov, Ŝadrinsk, USSR. Dankon por via letero, kiun, pro ĝia graveco, ni publikigas.

— A. V. Zednik, Modřany 1482, ĈSSR. Via laboro estas modela. Ankaŭ TEĴA-afero en ĈSSR plivigliĝis. Dankon kaj salutojn.

— A. Logvin, Moskva, USSR. Vi ricevos kelkajn ekz. de „I. Ĵ.". La bildo „Sub la palmoj" en n-ro 2 montras la redaktoron de „I. Ĵ."kaj lian edzinon sub la palmoj.

# UNUIĜINTA INDUSTRIA ENTREPRENO

urbo KAZANLĂK

UNIVERSALA

## FREZMAŜINO FU 320



Destinita por prilaborado de platsurfacoj de plej diversformaj maŝinpartoj el ŝtalo, gisfero, koloraj metaloj kaj plastoj.

Ellaborita laŭ ĉiuj modernaj teknologiaj kaj konstrusistemaj postuloj. Ĝia stabila mekanismo garantias ĉe grandaj ŝarĝokvantoj trankvilan kaj precizan funkciadon.

Kiel instrumento povas esti utiligataj diversaj frezmaŝinoj: cilindraj, diskaj, fasonaj, modulaj, frontaj, k. a.

La potencialo de la motoroj, la vasta amplekso de la rapidecoj kaj la sistemo de transdonadoj ebligas sukcesan laboron per instrumentoj el rapidtranĉaj ŝtaloj kaj aliaj, provizitaj per lamenoj el solida alojo.

Speciala elektroaparataro ebligas al la laborstablo efektivigi kompletan aŭtomatan (pendolecan) ciklon.

## PRI NIKOLAO KOPERNIK

Lige kun la okazonta 500-a datreveno de naskiĝo de la plej fama pola astronomo Nikolao Kopernik, la organizantoj de Muzeo dediĉata al li en Torun (lia naskiĝurbo) petas ĉiujn amikojn el la tutmondo sendi aŭ sendigi gazetartikolojn, bibliografiajn notojn, poemojn, afiŝojn, poŝtmarkojn, informojn pri aranĝoj, bildoj aŭ monumentoj. tekstojn, filmkadrojn ktp., kiuj estas dediĉitaj omaĝe al Kopernik, au mencias liajn verkon kaj vivon.

La materialoj povas esti en iu ajn lingvo kun Esperanta traduko aŭ klarigo sur aldona folio.

Ĉion ĉi bonvolu sendi al: H. Witkowski, ul. Jeczmienna 3 m 1, Torum, Pollando.

*Redaktoro: Ivan Keremidĉiev-Esperov, Bulv. Hr. Botev 98, Sofia 2, tel. 3-34-04, Bulgario*